# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 31/01/2019 Kvarcentdekunua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj.*** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvo-helpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **356,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **308,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **111,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 53 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








Ekzistas kazoj en kiuj oni simple krias la Subjekton kaj ĉiuj personoj aŭtomate scias, kion tiu Predikato faras aŭ devas fari, ekz. ĉe "Kelnero!" oni scias ke la ago estas "Kelnero venu!". En aliaj kazoj oni simple mencias la agon kaj ĉiu persono scias aŭtomate ke la aganto, la Subjekto, estas la persono al kiu direktatas la ordono, ekz. (al Petro) "Venu!".

Oni do AŬ diras laŭ P.A.G. ke tiaj Propozicioj estas esceptoj al la regulo AŬ laŭ mi ke en tiaj kazoj oni subkomprenas la Subjekton aŭ la Predikaton; do tiuklarige ne temas pri esceptoj, kiujn oni ja ne deziras en Esperanto.



. *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



## Rekresko en la meza generacio (Klaku maldekstre kaj aŭskultu)

De tempo al tempo ĉi tie en la RetRadio necesas ankaŭ pensi pri tio kion ni entute faras kaj kion ni per tio povas atingi. La laboro en la RetRadio estas bela kaj ĝojiga afero, alikaze tio ja ne funkcius jam dum tiom da jaroj. Temas pri senpaga laboro kiu pro tiu senpageco estas plenumata ĉefe de pensiuloj.

Kaj kiel ĝenerale en la Esperanto-movado la anoj de la aktuala "laboranta generacio" ne havas sufiĉe da tempo kaj da energio por okupiĝi pri la lingvo. Kiam mi antaŭ 50 jaroj estis juna studento, mi spertis tiun mankon de la meza generacio en la agado por Esperanto. La junularo ja aktivis kaj mi povis partopreni en multaj junularaj aranĝoj.

Sed aliflanke en la E-kluboj troviĝis preskaŭ nur maljunuloj. Kutime la aktivaj junaj esperantistoj post eniro en la profesian vivon perdiĝis kaj ne revenis kiam ili atingis pensiulan aĝon. Pro tio en la epoko antaŭ la interreto la E-movado stagnis kaj la strukturoj de la organizita movado malfortiĝis kaj ŝrumpis. Ekestis spiralo malsupren.

Kiam mi antaŭ 22 jaroj malkovris la interreton mi tuj ekkonis la ŝancojn kiuj aperis por la plua kresko de Esperanto kaj mi baldaŭ komencis agadon kiun mi jam tiam nomis "Esperanta Retradio". Temis ĉefe pri kunlaboro kun Pola Radio kies esperantlingvajn elsendojn per satelito mi dufoje en semajno enretigis por disponigi tiujn programojn al aŭskultantoj ekster Eŭropo, ĉar la satelito Eutelsat estis ricevebla nur en Eŭropo.

Kaj iom post iom sekvis aliaj aktivecoj en la interreto kiuj akcelis Esperanton kaj plivivigis ĝin. La interreto ebligis al homoj kiuj loĝas for de iu granda urbo, kie eble funkcias E-klubo, partopreni en la vivo de Esperanto, ĉu kiel leganto/aŭskultanto, ĉu kiel produktanto de enhavoj en E-o.

Kaj la interreto montris duan avantaĝon. Ĝi ne nur helpas al homoj en la diasporo, sed ĝi ebligas ankaŭ al anoj de la meza generacio, do al homoj kiuj laboras dumtage kaj kiuj zorgas pri la propra familio, daŭre okupiĝi pri E-o laŭ la koncernaj personaj eblecoj kaj kapabloj. Do la interreto helpas eviti tiun truon pri la meza generacio.

`Kaj ĉar tiu situacio nun jam daŭras de 20 jaroj, la fruktoj de la pli favoraj cirkonstancoj por Esperanto jam estas klare videblaj: Ekzistas granda riĉenhava Vikipedio, ekzistas Duolingo kiu altiras centmilojn da homoj al Esperanto kaj ekzistas multaj blogoj en E-o kiuj disponigas materialon por legado en E-o.

Kaj aperis pluraj retradioj kiuj regule servas al homoj per programoj en Esperanto. Eĉ aperis jam video-blogistoj kiuj regule prezentas filmetojn en E-o. Unu el ili eĉ venas el Supra Aŭstrio: Oliver Kim de kelkaj monatoj aperigas ĉiutage filmeton en kiu li parolas pri temoj el sia vivo. Li apartenas al la meza generacio, do havas familion kaj estas instruisto en gimnazio. Sed vespere li ĉiutage trovas la tempon por produkti mallongan filmeton.

Do freŝbakitaj E-parolantoj nun dum la tuta jaro havas la eblecon pli-malpli ĉiutage aŭdi ion novan en E-o. Tiel la ŝanco ke novuloj iom post iom akiras pli altan lingvoscion kreskas kaj tiel malrapide ankaŭ la tutmonda parolantaro de E-o kreskas kaj la lingvo regajnas pli kaj pli fortan pozicion en la mondo. *Informas AE-on* *Roger Springer*





# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 2a de februaro estos la unua sabato. Venu! Vizitantoj estu bonvenaj.

*Roger Springer*



# Ĉu via ĝardeno floras?



## AŬ ĈU NUR LA PLANTOJ?

La plantoj floras, sed ĉar la plantoj estas parto de via ĝardeno, oni figurlingve atribuas la floradon al la tuto, al la ĝardeno.

Por kelkaj popoloj tia figurado povas esti malfacile komprenebla. En Esperanto oni povas uzi la figurajn lingvaĵojn en la literaturo, sed en ordinara interŝanĝo de ideoj inter malsamaj popoloj estas konsilinda ne uzi figurajn esprimojn. (Se ne vi estas f..aj eŭroplingvanoj kiuj opinias ke la tuta mondo devas pensi kaj lingvumi laŭ la eŭropa maniero).

La homoj tendencas dividi la aĵojn inter puraj kaj malpuraj, sed ne ĉie same. Por eŭropanoj fekaĵo estas malpura afero, sed la hindoj sekigas la fekaĵon de la bovinoj kaj bruligas ĝin por kuiri sian nutraĵon. Por ili fekaĵo do estas tre valora. Cetere tia uzado de sterko estas tre malekonomia, ĉar la sterko estas tre valora fekundigilo por plantoj, kaj ekzistas pluraj aliaj hejtiloj.

Oni kalkulis la grandegan kvanton da hundofekaĵo elfluanta per la Yarra-rivero kaj per multaj aliaj elfluejoj en la maron, kie ĝi sendube valoras kiel manĝaĵo por marbestetoj.

En la pasinteco la eŭropanoj juĝis ankaŭ seksaferojn malpuraj, kaj tial uzis la vortojn pri seksorganoj kaj seksagoj por insulti personojn. Nun ni scias kiel belaj kaj amindaj estas la homaj kaj bestaj seksorganoj kaj –agoj. Parte pro niaj artistoj, parte pro nia emancipiĝo. Sed ne sufiĉe.

Hodiaŭ kaj morgaŭ Melburno havis/os kvardek Celcius—gradojn: vere nia Suno tre ŝatas la melburnanojn. Kaj miaj tropikaj plantoj huraadas. *Marcel.*

## PREPOZICIAĴOJ EN ESPERANTO .

Prepozicio estas kutima fenomeno ne nur en aglutinaj lingvoj (do ankaŭ en Esperanto), sed ankaŭ, kaj eĉ pli, en aliaj lingvoj, ekz. la franca. Eĉ pli, ĉar parto de la neaglutinaj lingvoj uzas kunprepozician kombinaĵon por esprimi la aglutinajn kunmetaĵojn (inkluzive la anglajn splititajn). (Ekz. : franca *drap de lit*; ned. *beddenlaken*; Esp. litotuko).

La prepozicio, pli bone nomata "interpozicio", ĉiam ligas du elementojn de esprimo de kombinitaj nocioj (ekz. "la infano en la ĝardeno"; "(ŝi) ludas en la ĝardeno"). Al la signifoj de tiuj du elementoj ĝi aldonas la signifon de la interrilato inter ili. En tiu interrilato la unua elemento (la infano; ludas) estas la ĉefelemento, kaj la dua (la prepozicio "en") plus la tria elemento (la ĝardeno) kune difinas, determinas, la unuan elementon (la infano; ludas). La tria nomiĝas "flankelemento".

La unua kaj la tria elementoj havas substantivan karakteron, kvankam la unua ofte alikategoriiĝas al adjektivo (taŭga por infanoj) aŭ al verbo (ludas en la ĝardeno); kaj kelkfoje eĉ al adverbo (tuj post ŝia alveno). La tria elemento estas kelkfoje en formo de infinitivo (taŭga por trinkati), sed neniam kiel finitivo aŭ adjektivo.

La dua (= prepozicio) kaj la tria elementoj kune nomiĝas "prepozitivo" kaj funkcias kune kiel adjektivo[i] (se la unua elemento estas substantivo) aŭ kiel adverbo (se la unua elemento estas verbo aŭ adjektivo). Ekz.: adjektive: "la vojaĝo sur la maro" (= surmare) aŭ "taŭga por infanoj" (= porinfane).

La funkcio de la prepozicio estas simila al verbo: "la parolado post la manĝo" = la parolado sekvas la manĝon" Tio eĉ validas ĉe verba aŭ adjektiva unua elemento: "ni ludas antaŭ la manĝo" = "la ludado antaŭas la manĝon" kaj "la kuraĝo kontraŭ la danĝero" = "la kuraĝo kontraŭas la danĝeron". Pro tiu simileco al verbo la unua elemento ĉiam funkcias kiel la subjekto de la prepozicio kaj la tria elemento ĉiam kiel la (rekta) objekto de la prepozicio. Estas do natura, ke en Esperanto oni facile povas ŝanĝi iun ajn prepozicion en verbon: "La aŭtobuso anstataŭ la difekta vagonaro" > "La aŭtobuso anstataŭas la vagonaron". Teorie ne estas limo: ĉiuj prepozicioj uzeblas kiel verboj. Ke oni ankoraŭ ne ofte faras tion, estas pro tio ke en etnaj lingvoj tio ne okazas, kvankam la angla jam uzas kelkajn prepoziciojn kiel verbojn, speciale en sporta lingvo.

Se ĉeestas du prepozicioj en prepozitivo, ĉi tiu redukteblas al duobla prepozitivo, en kiu la unua substantivo forfalis, ekz. "Ni promenis ĝis (= ĝis la tempo) antaŭ tagmanĝo", kaj "Ni haltis sur la ponto antaŭ (= antaŭ la loko) trans la rivero". Tio validas ankaŭ por la unua prepozicio "al" el du (ekz. "Ni veturis trans la riveron" = "al (= al loko) trans la rivero". La neobjekta akuzativo do reduktendas al la "al"-formo.

La lingvoj ĝenerale, certe inkluzive de Esperanto, ne kapablas krei novajn prepoziciojn. Sed ĉar la nombro de interrilatoj estas multe pli granda ol la nombro de prepozicioj, speciale (sed ne sole) la aglutinaj lingvoj trovis manieron krei esprimojn por tiuj ekstraj rilatoj. La metodo konsistas en uzado ante adverbon kun prepozicio (lingvisme la adverbo estas ĉi tie la ĉefelemento, la determinato, de la prepozicio). Tia kombinaĵo nomiĝas "prepoziciaĵo" (ekz. "la kunveno kadre de la kongreso"). Ĝi povas reduktiĝi al kvinelementa (= tri substantivoj) esprimo, en kiu la unua elemento ("la kunveno" = la subjekto) sekvatas de prepozitivo ("en la kadro"), kiu mem determinatas de dua prepozitivo ("de la kongreso").

Verŝajne por plisendependigi la prepoziciaĵojn, Zamenhof ĉiam uzis la adverban formon antaŭ la prepozicio (danke al), spite iliajn oftajn adjektivajn funkciojn ('lia utileco kadra de la kongreso" kontraŭ "li laboras kadre de la kongreso"). Ĉar neniam miskompreno povas okazi, kaj por reliefigi ilian specialecon, utilas sekvi la ekzemplon de Zamenhof, do plej ofte formante prepoziciaĵon per adverbo (kaj ne adjektivo). La sama okazas en etnaj lingvoj.

Kvankam la adverba parto povas origini en verbo (ekz. "helpe de") (aŭ en adjektivo), tia elverba (aŭ eladjektiva) adverbo havas substantivan funkcion, ekz. "inkluzive de" = "kun inkluzivo de", "aparte de" = "kun aparteco de").

Ĉar prepoziciaĵo (ekz. "meze de" ) venas el prepozitivo ("en la mezo de"), kelkfoje ĝi retenas en si la prepozicion de tiu prepozitivo (ekz. "sur la stratoj de" > "surstrate de"). Tio faratas kutime nur, se miskompreno povus okazi (ekz. "Ni promenis surponte de tiu kanalo"

kaj “Ni boatumis subponte de Venecio”). Malofte tio okazas, ĉar kutime la prepoziciaĵo uzatas nur en unu senco. Tamen teorie, kaj porpoezie, oni povas ĉiam aldoni la originan prepozicion (ekz. “enkadre de”).

Teorie eĉ eblas prepoziciaĵa kunmetaĵo kun du prepozicioj (ekz. “Nia grimpado ĝissurpinte de la monto”), sed la neceso apenaŭ ekzistas.

Iom pli uzeblaj kazoj estas kun la akuzativo anstataŭ “al”, kvankam oni povas uzi “al” anstataŭe (ekz. “Ili fuĝis translimen de (aŭ: “altranslime de”) sia lando”).

Ĉar la precipa signifo de la prepoziciaĵo liveratas de KAJ la adverbo KAJ la prepozicio, gravas elekti ĝustan prepozicion. Tamen ĝis nun la nuraj prepozicioj tiel uzataj estas “de” kaj “al” kaj “kun” (“kadre de”; “danke al”; “kompare kun”). La kaŭzo de tio estas simple, ke la parolantoj trovas la uzon de pli da rilatoj tro komplika kaj tro konfuza. La nombro de prepoziciaĵoj (kun “de” kaj “al”) tamen daŭre se malrapide pliiĝas (ekz. “reve de”). Kroma malfacilaĵo estas, ke la Esperantistoj ankoraŭ ne decidis kial kaj kiam uzi AŬ “de” AŬ “al” en certaj kazoj, speciale kun elverbaj adverboj (“helpe de” kaj “helpe al”). Tion kaŭzis la Zamenhof’a eraro, doni kvar tute malsamajn signifojn al “de” kaj la multa uzo figura ante al “al”. Pluraj tiaj adverboj venas el la substantivaj formo kaj signifo de la verbo: “fine de” = “ĉe la fino de”, kie “de” signifas “apartenanta al”. Sed aliaj venas rekte el la verba signifo: “helpe de” = “helpata de” = kie “de” signifas “el la subjekto de la ago”. Dum ĉe “la festo fine de (= “ĉe la fino de) la monato”, la monato ne finas la feston, ĉe “la festo helpe de = per la helpo de = helpate de eksterlandanoj” la eksterlandanoj helpas la feston. Krome ĉe “la venĝo murde de = pro la murdo de dek policanoj” la policanoj kutime ne murdis (estus “murdate de”), sed la policanoj murdatis.

Por solvi la unuan kazon, kie “de” povas signifi KAJ “apartenante al” (“la festo fine de la monato”) KAJ “el la subjekto de la ago” (“la programo fine de kanto = finate de kanto = kanto finas la programon”) la nura ebla, kvankam ne populara, procedo estos ĉiam aldoni “je” al la adverbo, kiam “de” NE enkondukas la originan subjekton: “la festo jefine de la monato”.

Por solvi la duan kazon, kie “de” povas signifi KAJ la aganton (“helpe de eksterlandanoj”, kaj “fare de = per la faro de = ate de = la policanoj murdis”) KAJ la priagaton, la originan (rektan) objekton (“murde de policanoj”, kaj “fare de” = per la faro de = al = ante al = la policanoj murdatis”), ni povas uzi la jenan proceden, sed nur post ĝenerala akcepto kaj oficialigo: Se la determinanta elemento reprezentas la originan subjekton (“helpe de eksterlandanoj” ; “murde de policanoj”) ni ĉiam uzu “de”, kaj se la determinanta elemento reprezentas la originan objekton (“helpe al la viktimoj”; “murde al policanoj”) ni ĉiam uzu “al”. Tiu “al” preskaŭ neniam miskomprenatos, ĉar la alia signifo de “al” (“ire al Romo”) uziĝas kutime nur kun netransitivaj verboj de moviĝo.

La Esperantistoj jam ofte sekvas tiun regulon (“de” kaj “al” post elverbaj adverboj), sed ne konscie nek ĉiam . Se konscie, ni rajtos uzi multe pli da prepoziciaĵoj kun elverbaj adverboj: La lernado helpe de la instruisto; La instruado helpe al la infano; La sukceso danke de la studistoj; La sukceso danke al la instruistoj; La trafiko koncerne de la parolado; La parolado koncerne al la trafiko; La libro inkluzive al tiu longa ĉapitro; La longa ĉapitro inkluzive de tiu libro; La ventego kaŭze al la ŝipsubirado; La ŝippereo kaŭze de la ventego; La milito memore de mia patro;

La festo memore al mia patro; La telefonvoko sekve de lia retroveno; Lia retroveno sekve al la urĝa telefonvoko. (Kompreneble eblus starigi regulon, ke ĉiuj ĉi supraj prepozitivoj kun “de” havu anstataŭe la pasivan adverbon : helpate de; dankate de; koncernate de; k.t.p., sed tiaj esprimoj ne ŝatatos ĉar ili ne aspektas kiel prepoziciaĵoj).

Se tiu regulo de “de” kaj “al” konsekvence akceptatos, tio solvos ankaŭ la problemon de du kontraŭaj signifoj por “de” ĉe neverbaj determinatoj: “La foto al mia frato” ( = pri mia frato) kaj “La foto de mia frato (= farita de mia frato) kvankam pli klaros “La foto fare al mia frato” kaj “La foto fare de mia frato”. Ni tiel ne plu bezonos serĉi la mankantajn prepoziciaĵojn por la aganto kaj la priagato, kvankam la neŭtralaj “ante al” kaj “ate de” restos valoraj (pro neŭtraleco de la ago) alternativoj por “fare al” kaj “fare de”: “La poeto fare al (= ante al) tiu poemo” kaj “La poemo fare de (= ate de) tiu poeto”. Same “La murdo al (= ante al) la policanoj” kaj “La murdo de (= ate de) la policanoj” por la du signifoj de “La murdo de la policanoj”.

Por eviti pliajn miskomprenojn, estas konsilinda uzi la akuzativon nur anstataŭ la prepozicio “al” kaj NE anstataŭ “de” (“danke la policanon”, sed “helpe de la policano”) .

*Marcel Leereveld*



# Invito al organizado de KER-ekzamenoj

https://www.youtube.com/watch?v=r2jgomyxwBg




La elektita tago de la Tutmonda Ekzameno estas la 15a de junio. Tio signifas, ke en tiu tago eblas okazigi ekzamensesion en ajna loko de la mondo eĉ por malmultaj personoj.

Ni proponas ĉefe skribajn ekzamenojn, sed se la kondiĉoj bonas por reta konektiĝo eĉ parola sesio realigeblos.

Tiuj lokoj, por kiuj la dato de la tutmonda tago ne estas taŭga eblas aliĝi al alia, jam fiksita ekzameno.

En tiu ĉi paĝo vi povas vidi kiuj estas la jamaj datoj. https://edukado.net/ekzamenoj/ker/sesioj

Estas jam 2242 diplomitojn en 74 landoj. https://edukado.net/prie/sinprezento/statistiko?tipo=kandidatoj

Informoj pri la ekzamenoj estas ĉi tie: https://edukado.net/ekzamenoj/ker

Pri la kondiĉoj okazigi sesion vi povas legi en tiu ĉi paĝo: https://edukado.net/ekzamenoj/ker/organizantoj



La interesiĝantoj bv. kontakti *Katja Steele* (katja.steele@gmail.com).



# UEA KAJ UN



La oficejo de UEA en Novjorko troviĝas vidalvide de la ĉefa sidejo de Unuiĝintaj Nacioj (UN).

Jam de pli ol 60 jaroj, UEA kultivas kunlaborajn rilatojn kun pluraj branĉoj de UN. Ekde marto 2018, UEA troviĝas en la estraro de la Konferenco de Neregistaraj Organizoj (NRO-oj) en Konsultaj Rilatoj kun UN (vidu GK n-ro 736). Tie ĝi kunlaboras kun 17 aliaj internaciaj NRO-oj pri plej diversaj aspektoj de la laboro de UN. Interalie, UEA estis la ĉefa aŭtoro de la komuniko de la Konferenco okaze de la 70-a datreveno de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj en decembro 2018. Dume la junulara sekcio de UEA, TEJO, kunlaboras en la estraro de la Internacia Kunordiga Renkontiĝo de Junularaj Organizoj (IKRJO), kaj aktive kontribuas al diversaj UN-eventoj kiel la Junulara Forumo de EKOSOK (8-9 aprilo).

La posta jaro, 2020, alportos la 75-an datrevenon de UN. Tial por la 105-a UK en Montrealo, la Estraro decidis pri la temo “UN 75-jara: Dialogo kaj interkompreniĝo en ŝanĝiĝanta mondo.” Per frua difino de la temo, nomumo de reĝisoro, kaj kontaktado de partneroj kaj kunlaborantoj, UEA celas elmontri al internacia publiko la multflankan engaĝigon de la Esperanto-movado kun la streboj al pli paca, justa kaj daŭripova mondo.

Esperantistoj, kiuj volas sekvi ĉi tiun agadon kaj eventuale partopreni en ĝi, povas trovi aktualajn informojn ĉe la retejo de “Esperanto por UN,” http://www.esperantoporun.org/, inkluzive de sugestoj pri kunlaboro kaj aliaj formoj de subteno. Donacoj por la agado ĉe UN kaj Unesko estas ĉiam bonvenaj: rigardu ĉe la paĝo http://www.esperantoporun.org/sub-tenu-nin/.



Sendis *Katja Steele*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Adelajdo, iam ‘la urbo de preĝejoj’.



**La 24an de januaro 2019 Temperaturo: 45 ° C**

Estimataj esperantistoj

La 22an de januaro 2019: la dojeno de la radio-ondoj tra Australio kadre de sia longdaŭra kaj altkvalita programo prezentis la jenan eron pri moderna aliro al la ‘problemoj’ de maljuneco: https://www.abc.net.au/radionational/programs/latenightlive/changing-age-ing/10736600

Temas pri tre interesa publika konversacio enkondukita de fama ateisto: https://www.abc.net.au/radionational/phillip-adams/2913410 Phillip Adams (naskiĝis en 1939)

Mirinda ĝentlemano estas Phillip: Li senescepte respondas al ĉiuj korespondantoj. Ekzemple, en mia propra arkivo troviĝas tri afablaj leteroj persone subskribitaj de li. Kaj, kelkfojojn li intervjuis Kep Enderby por promocii Esperanton: https://www.abc.net.au/radio-national/programs/latenightlive/esperanto/3394484

Surprizis min tamen ke apenaŭ leviĝis komento pri la saĝeco kion oni, almenaŭ en antaŭaj generacioj, kutime ligas kun maljuneco. Ke tute mankis vortigo de la spirita flanko de la vivo aŭ de la Ĉiopova estas simptomo de la nuna era(r)o, ĉu ne?

2 Timoteo 3: http://web.archive.org/web/20010414013624/www.geocities.com/kalblando/biblio/2timoteo.htm

Tamen, kiel kutime, mi deflankiĝas. La celo de mia hodiaŭa letereto jenas:

La 23an de januaro: Phillip ekas sian programon pri maljuneco por laŭdegi Marcel Leereveld pro lia tre rimarkinda vivo en Esperantujo kaj radio.

La 24an de januaro: La koncerna programo re-audiĝos je la kvara ptm. Atentu ĉar tuj je la komenco Phillip parolos pri Marcel, 3ZZZ kaj ESPERANTO



Amike, Paulo (ne la Apostolo) *Paul Desailly*



# NOVA RETEJO DE UEA EN SIMPLA ESPERANTO

La 19an de januaro ĉi-jare aperis nova retejo de UEA. Ĝia nomo estas uea.facila, kaj ĝi estas videbla ĉe: https://uea.facila.org. Ĝia celo estas prezenti la Esperanto-movadon al novaj esperantistoj per facila lingvaĵo. Tial ĝi estas taŭga por lernantoj, sed espereble ĝiaj mallongaj novaĵartikoloj povus esti interesaj ankaŭ por pli spertaj esperantistoj. Ĝi estas senpage abonebla, do ne necesas esti membro de UEA por legi ĝin kaj komenti.




La artikoloj konsistas ĉefe el novaĵoj kaj informoj pri la Esperanto-movado, sed estas ankaŭ ĝeneralaj legaĵoj, informoj pri filmetoj kaj aliaj materialoj troveblaj tra la reto, kalendaro de estontaj kunvenoj kaj aliaj. Estas grave, ke la legantoj ne nur pasive legu, sed sentu sin parto de la afero, do ili havas eblecon komenti sub la artikoloj, prezenti sin en la paĝo "Niaj legantoj", kaj sendi mallongajn raportojn kaj fotojn pri lokaj agadoj.



Sendis *Katja Steele*



**3ZZZ** La muzikemuloj trovos intervjuon de Petro kaj Jo Johns pri la nova muzikgrupo Ekde Tiam kaj kompreneble kantojn de ili , kune kun kantoj de Morice Bénin, fama franca kantisto, en la elsendo de la 28a de januaro. Komence eblas aŭdi la mencion de Marcel Leereveld ate de Philip Adams kiel anoncite de Paŭl Desailly.



*Franciska Toubale*



---

**Se informon pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE**